n-ro 21
1995-3
decembro 1995

# Esperanto en Azio



*Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado*

**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Tel: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

***enhavo***

## Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili estis elektitaj en 80-a UK en Tampereo por 3-jara periodo, de julio 1995 ĝis julio 1998.


Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012. tel.: +82-2-612-1906. fakso: +82-2-616-1571

MA Young-tae/ MA-106, Dong-a Apt., Daechi-dong, Gangnam-gu, SEOUL 135-280. tel.: +82-2-553-6820

SYOZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso" +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-1-832-6682. fakso: +86-1-832-1808

WANG Jianbing/ Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-1-832-6682. fakso: +86-1-832-1808


## • Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

- *A-1: Regule kunveni en ĉiu UK*
- *A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*

- *Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*
- *Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

- *D-1: eldono de necesaj libroj*
- *D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

# 1. Protokolo de "Azia Agado" en la 82a Japana Esperanto-Kongreso en Jokohamo

tempo: 1995-10-14, 9:30-11:40

zorganto: Internacia Fako de JEI (Japana Esperanto-Instituto)

ĉeestantoj: ĉ. 60

prezidis TAKEUTI Yosikazu

1-1 Raporto de s-ro Takeuti pri la kunsido de KAEM, kiu okazis en la UK Tamperea: Elektiĝis novaj komisionanoj: ZOU Guoxiang, WANG Jianbing (Ĉinio), Puramo CHONG, MA Young-tae (Koreio), TAKEUTI Yosikazu, SYOZI Keiko (Japanio). S-ino DOI Ĉieko kaj Hirokaz daŭre redaktos "Esperanto en Azio", oficialan bultenon de la komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado. Azia Kongreso okazas ĉiun trian jaron.

1-2 Raporto de SYOZI Keiko pri "Azia Agado" okazinta kadre de la UK en Tampereo: Ĉeestis ĉ. 50, kiuj informiĝis pri la 1-a Azia Kongreso de s-ro DAI Songen, ke preparo bonorde iras kunlabore kun instancoj de la urbo Ŝanhajo. Raportis pri landa agado 9 reprezentantoj respektive.

1-3 S-ro IZUMI Yorimiti parolis pri la 14-a Komuna Seminario ĉe Universitato Nankin en Tianjin, Ĉinio, en kiu partoprenis pli ol 85.

1-4 S-ino DOI Ĉieko prezentis "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio", la kongresan memoraĵon, kaj menciis la 2-an Azian Karavanon, kiu bedaŭrinde ne realiĝis ĉefe pro vizaj problemoj.

1-5 S-ino TAHIRA Masako alvokis kampanjon por Azia movado iniciatitan de JEI (Japana Esperanto-Instituto) rilate al "Esperanto en Azio".

1-6 Pri la 1-a Azia Kongreso raportis s-ro WEI Yuanshu, prezidanto de LKK kaj Ŝanhaja Esperanto-Asocio. Baldaŭ aperos Dua Bulteno kaj okazos KAEM-kunsido verŝajne en Ŝanhajo decembre por progresigi la preparon.

1-7 Pri landa agado raportis S-roj Mukunda Raj Pathik el Nepalo, HO Song el Koreio, Parvaz Ghulam-Nabi el Pakistano/Kanado kaj s-ino Gvenda SUTTON el Nov-Zelando.

1-8 Libera interŝanĝo de opinioj;

Sinsekvis opinioj precipe pri la 1-a Azia Kongreso okazonta aŭguste en 1996.

*protokolis SYOZI Keiko*

# 2 Kunsido pri la Azia Kongreso, okaze de la 82a Japana Kongreso en Jokohamo

tempo: 1995-10-15, 13:00-15:00

ĉeestantoj: TAKEUTI Yosikazu, SYOZI Keiko, ISINO Yosio el Japanio, HO Song el Koreio, WEI Yuanshu el Ĉinio

observantoj: LIN Bing-qiu, YAN Zheng-bao, ZHI Wei-xing el Ĉinio

*2-1* *Programo:*

Unue la ĉeestantoj diskutis pri la kongresaj programoj kaj skizis ilin nomante la kandidatojn de kunordigantoj kaj prelegantoj, kiuj verŝajne povus akcepti la kunlaboron.

2-1-1 Kongresa temo: LEE Chongyeong

2-1-2 Subtemoj:

1 Ekonomio: SO Gilsu, YAMASAKI Seikô

2 Edukado, kulturo: LI Shijun

3 Scienco kaj tekniko: 沈澄如 *(Red.: B.v. permesi uzon de nelegeblaj literoj, kiuj troviĝas en originala protokolo.)*

4 Esperanto-movado: KAEM

2-1-3 Ceteraj programeroj (numero ĉe la programeroj estas tiu en la Unua Bulteno)

202 Respondeculoj de Esperanto-organizaĵoj: TAKEUTI Yosikazu

203 Azia movado: same kiel 202

205 Gvidantoj de E-kursoj: 李成倫, MA Yongtae, Bak Giŭan, SUZUKI Masumi

204 Junulara movado: ĉina junulara organizaĵo

206 Lusin: ĉina studanto espereble el Lusin-Muzeo

Eroŝenko: MINE Yositaka, TAKASUGI Itirô

Elpin: Hajpin LEE

Verda Majo: ĉino + TONE Koiti

207 Medicinistoj: Puramo CHONG, EPĈ: ĉina fakulo

209 Ĉina Radio Internacia: ĉina fakulo

210 La Mondo: ĉina fakulo

211 Turismo: ĉina fakulo

214 Aliaj fakaj kunsidoj

Lernolibroj de Esperanto: SYOZI Keiko

Papero kaj Kapsiko: NISIO Tutomu, MIYAKE Eizi

Cetere kalkuleblaj estas SAKAMOTO Syôzi (eldonado de Esperantaj libroj), TANI Hiroyuki (lingvistiko aŭ laborista Esperanto-movado)

303 Goo-amantoj: SAKUKRAI Nobuo

La supre menciita estas la unua skizo de la programo, kaj do estas necese kontakti la nomitajn personojn kaj serĉi aliajn kompetentulojn almenaŭ ĝis la fino de ĉi tiu jaro.

***2-2*** ***diskutoj pri la informado:***

Takeuti, Syozi kaj Isino klarigis: 1) JEI (Japana Esperanto-Instituto) pretigis apartajn aliĝilojn por japanoj, kiuj pagos la kotizon per JPY kaj ilin bindis en la novembra numero de "La Revuo Orienta" (eldonita je 1400 ekzempleroj) kaj krome presis 1000 plurajn ekzemplerojn por distribui al la enlandaj organizaĵoj kiel KLEG, EPA k.c. 2) En novembra numero de "La Revuo Orienta" kaj de "La Movado" aperos artikoloj por diskonigi pri la Kongreso, kaj samtempe okazos distribuado de la Unua Bulteno. 3) Tre baldaŭ eldoniĝos "Esperanto en Azio", kaj necesaj informoj pri la Kongreso estos en ĝi priskribitaj. (La ĉeestantoj konstatis, ke plej urĝe estas informi pri la Kongreso la esperantistajn organizaĵojn kaj individuojn en ĉiuj aziaj landoj.

Wei sciigis, ke en la 3a Ĉina Esperanto-Kongreso en Chongqing la partoprenantoj estis bone informitaj kaj instigitaj rilate al la kongreso. Li ankaŭ diris, ke EPĈ ("El Popola Ĉinio") kaj Ĉina Radio Internacia estas pretaj pri la informado.

HO Song raportis, ke la estraro de KEA (Korea Esperanto-Asocio) jam oficiale informiĝis pri la kongreso kaj ke la 27a Korea Kongreso estos bonega ŝanco por interesi koreajn esperantistojn pri ĝi.

*2-3 Pri la itinero kaj la inaŭguro*

Pri la itinero por la kongreso la kunsido ne povis detale diskuti pro manko de tempo, sed estis proponite de japanoj ke la inaŭguro okazu la 22an kaj la ferma soleno la 25an de aŭgusto, ambaŭ nepre en mateno.

*2-4 la venonta oficiala kunsido*

Wei proponis okazigi la venontan oficialan kunsidon de KAEM + LKK en la 23a-24a de decembro, ĉar laŭ li okazigi ĝin antaŭ la jarfino estas dezirinde por redaktado de la Dua Bulteno k.c. Takeuti kaj Syôzi konsentis tion kondiĉe ke la kunsidon nepre ĉeestu iu(j) reprezentanto(j) de Koreio. Wei promesis ke dum la sesio de la Korea Kongreso li klopodos havi apartan kunsidon kun koreaj membroj de KAEM. Nek Takeuti nek Syôzi partoprenos en la Korea Kongreso pro aferoj sed la kunsidon ĉeestos iliaj anstataŭantoj (DOI Hirokaz kaj YAMAMOTO Sin'tarô, konsilianoj de JEI).

*Protokolis TAKEUTI Yosikazu kun la helpo de ISINO Yosio.*

# 3 Forumo "Esperanto-Movado kaj Perspektivo en Azio" kadre de la 27a Korea Kongreso de Esperanto en Ikusan

tempo: 1995-10-29, 13:30-15:00

prezidis: LEE Jung-kee el Koreio

prelegis : WEI Yuanshu el Ĉinio, YAMAMOTO Sin'tarô el Japanio, Mukunda Raj Pathik el Nepalo, Mian Salam Shany el Pakistano, Zeiter PERERA el Srilanko, Firdaŭs ŜUKUROV el Taĝikio, Dinh Van Van el Vjetnamio

respondis: Puramo CHONG el Koreio reprezente de KAEM

partoprenis: preskaŭ 50 homoj el diversaj landoj

Prelegintoj el aziaj landoj prezentis ĉefe la situacion kaj historion de sialandaj Esperanto-movadoj, kaj ĉi tie en la protokolo ni ne prezentas la enhavojn de tiuj prelegoj, sed prezentas des pli gravajn enhavojn de diskutitaĵoj, kiuj tuj sekvis post la sinsekvaj prelegoj.

MA Youngtae (Koreio): Por efektiva aktivigo de Esperanto-movado en azia regiono mi proponas okazigi ekspozicion de Esperanto. Landaj respondeculoj de la movado en azia regiono faru la liston de sialandaj Esperanto-lernolibroj, vortaroj kaj aliaj Esperanto-materialoj kaj interŝanĝu kun alilandaj esperanatistoj, kaj tiel ni povos riĉigi Esperantajn ekspozicciaĵojn por la publiko, kaj tio altiros sufiĉe da atentoj por nia lingvo.

BAK Giŭan (Koreio): KAEM lanĉu la monkolektan kampanjon por partoprenigi la nepagipovajn aziajn esperantistojn en Azia Kongreso.

DOI Ĉieko (Japanio): KAEM daŭrigu la projektojn A, B, C, Ĉ, D por la Azia Movado, iniciatitajn de d-ro So kaj nun pendantajn, almenaŭ ĝis la venonta UK en Prago.

Mukunda Raj Pathik (Nepalo): Al ni absolute mankas la materialoj de Esperanta lernado. Bv. sendi al nia lando materialojn de Esperanto, ekzemple lernolibrojn, vortaron, kasedojn k.s. Ni atendas ankaŭ Esperanto-instruistojn. Se oni sendas al nia lando instruiston, ni estas pretaj manĝigi kaj loĝigi lin senpage, do per nia kosto.

DOI Hirokaz (Japanio): Por azia Esperanto-movado ni regule eldonas la bultenon "Esperanto en Azio", kiu aperas parte sub la financa helpo de UEA. Mi atendas viajn opiniojn kaj kritikojn pri la bulteno.

KIM Young-myung (Koreio): En la lastjara UK en Seulo, s-ro Dan Din Dan, la ĝenerala sekretario de Vjetnama Esperanto-Asocio, proponis sian landon Vjetnamio, kiel la kongreslandon de la venonta Azia Kongreso.

CHOI Yun-hyui (Koreio): Ankaŭ Israelo, Singapuro, Honkongo kaj Tajvano estas riĉaj landoj en azia regiono. Do, rekonsideru la kategoriojn de la tarifo.

LEE Chong-yeong (Koreio): Mi proponas starigi ĝemel-urbajn rilatojn inter riĉaj kaj malriĉaj landoj. Per tiu individua kontaktiĝo homoj en pagipovaj landoj povas helpi tiujn en nepagipovaj landoj, kaj tiel oni povas efektive helpi aziajn esperantistojn por aktive laborigi por Esperanto-movado. Kaj estas bona ideo sendi instruistojn al la landoj, kies movado ne estas aktiva. Ekzemple kapabla studento, kiu havas sufiĉan libertempon, povos vojaĝi al Nepalo utiligante sian libertempon kaj por instrui Esperanton kaj por libertempi. Tio estas ambaŭflanke utila.

*Protokolis Puramo CHONG.*

Matene, La 13an de aŭgusto en la haveno de la urbeto Ŝimonoseki nin kvar azianojn renkontis s-ro TAKAJAMA Hideki kun sia ĉarma filineto Rie, kiu sciigis sian ĝojon afable ridetante kaj alte ŝancelante sian konatan al ni verdan flageton. Ekde tiu kortuŝa renkonto komenciĝis dua parto de nia somera longa vojaĝo. Matenmanĝinte kaj doninte al ni ĉiuj monon por niaj ĉiutagaj elspezoj s-ro Takajama eksplikis nian pluan itineron kaj ni tuj direktiĝis al la urbo Maibara, kie nin atendis partoprenantoj de la 26a FRISKA LERNEJO de Esperanto, kiun organizis Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj.

Per la vagonaro Ŝinkansen multe vidita en japanaj filmoj ni traveturis preskaŭ triononan parton de la insulo Honŝuu. Seninterrompe kaj kun granda plezuro rigardante tra la fenestroj de la vagono al la verda, ravinda naturo ni eĉ ne rimarkis longecon de nia veturo. Posttagmeze ni estis en Maibara ĉe la rondo de niaj japanaj samideanoj. Tie estis delegitoj de ĉiuj 16 lokaj societoj de la Kansaja Ligo.

Ni havis renkonton kun japanaj Esperanto-aktivuloj, ĉeestis en lecionoj, prelegoj, diversaj rondetoj ktp. Ankaŭ ni kvar gastoj prelegis pri niaj landoj, pri niaj Esperanto-movadoj.

Tre rapide pasis tri neforgeseblaj tagoj en amika rondo ĉe la lago Biŭa. Eĉ dum la noktoj ni ĝoje konversaciis, ludis, kantis kaj dancis preskaŭ ĝis mateno.

Ankaŭ ĉi tie ni estis mirigitaj, vidante tiom multe da interesiĝantoj pri la interncaia lingvo. Kune kun la junaj gelernantoj en unu vico troviĝis eĉ pensiuloj. Ili estis gajaj kiel infanoj kun brilaj okuloj kaj ridetoj sur la vizaĝoj, kiam ili estis dirantaj kelkajn vortojn en Esperanto. Vidante aliajn similajn okazaĵojn mi pli kaj pli entuziasmiĝis. Jen kion signifas japana popolo? Kiam mi rakontis post mia reveno ĉi tien pri la pasio de japanaj maljunuloj, multaj ne kredis mian rakonton. Ĉar ĉi tie (en mia lando) tiu, kiu jam havas sian kvardekan jaron, diras, "Por lerni ion jam estas malfrue".

En la Friska Lernejo mi proponis okazigi Konferencon en Taŝkento je la temo: "Rolo de Esperanto por stabiligi la Pacon en la tuta mondo". (Nia asocio nun kun la Uzbekia Fonduso de la nacia kaj socia stabileco preparas planon por okazigi similan konferencon en Taŝkento.)

08-15 Mi kun s-ino Tahira vizitis la urbon Kioto. Mi havis bonan eblecon trarigardi noktan belecon de la malnova ĉefurbo de Japanio ĉe la rivero Kamogava. Ankaŭ nokte bolas vivo de la urbo. Sur la stratoj ĉiuj rapidas tien kaj reen. Ĉie estas homamasoj. La urbo estis lumigita kiel tage. Ĉiupaŝe oni plezuras je la ludo "paĉinko". Ĉe la rivero svarmas geamantoj. Bruantaj aŭtoj estas plenplenaj sur la stratoj.

08-16 En la tago estis granda religia festo en Kioto. Nokte oni devas fari grandan fajron sur la monto kaj okazigi procesion dediĉotan al la mortintoj. Sed tion mi ne sukcesis spekti ĉar mi estis veturonta al la najbara urbo Takacuki. Tage refoje ĝuinte belegecon de la urbo Kioto je ties multaj temploj kaj kasteloj mi kun s-ino Tahira vizitis

novan malgrandan urbon Takacuki. Tie vespere estis kunveno de Esperanta societo. Post la kunveno min akceptis en sia hejmo s-ino KATAOKA Jukiko.

08-17 Mi kun s-ro Dogsuren havis aŭdiencon en la Urba Domo. Posttagmeze ni venis al Osaka. S-ro Niŝio montris al mi sian grandan urbon. Vespere li instruis min surbendigi filmon per sia Video-kamerao kaj pruntedonis al mi sian kameraon, kiun mi uzis dum mia plua vojaĝo.

Sekvintan tagon matene ni duope (kun s-ro Dogsuren) ekveturis al la urbo Hiroŝima.

Dum tri tagoj restinte ĉe ges-roj Oŝioka oni povas diri, ke ni sukcesis rigardi ĉion en Hiroŝima. Mi estis multe leginta pri la urboj Hiroŝima kaj Nagasaki en mezlernejo kaj mi vidis multajn filmojn pri tiuj urboj, kies tragedia historio jam estas fama en la tuta mondo. Vizitinte Parkon kaj Muzeon de la Paco de la urbo, mi ĉion detale surbendigis. Vidante konservaĵojn, memoraĵojn de la Atombombado, mi refoje eksentas mian devon kiel homarano, kiel esperantisto senĉese lukti por la PACO, por ke neniam plu estu milito. Mi kapklinante dankas al ges-roj Oŝioka.

Se detale skribi pri ĉio estus dika libro pri nia longa vojaĝo tra Japanio. Venos la tempo, kiam mi nepre skribos pri ĉio detale. Sed nun mi almenaŭ kurte devas raporti.

08-21 Matene ni forveturis de Hiroŝima. Danke al ges-roj Oŝioka en la stacidomo de Ogoori mi renkontiĝis kun mia korespondantino el la urbeto Ube, s-anino Iŭamoto. Nia renkontiĝo estis tute mallonga. Por viziti ŝian urbon mi ne havis tempon. Nin oni atendis en Fukuoka.

En Fukuoka nin renkontis s-roj NIŜIDA Micunori, NAKAMURA Masaŝi kaj s-ino MUTOO Tacuko. Posttagmeze kun s-ino Mutoo kaj s-ro Nakamura ni veturis al la urbo Dazaihu, kie ni vizitis malnovan sanktejon. Vespere ni estis ĉe Esperanto-Societo de Kurume. Nia renkontiĝo estis interesega kun membroj de tiu societo. Ni devis respondi je iliaj multaj amuzaj demandoj pri niaj landoj kaj popoloj. Ni kune kantis. Ĉe la fino de nia interesa kunveno, eksciinte pri nia morgaŭa vespera vizito al Fukuoka, mi petis ilin organizi kurtan viziton al la urbo Nagasaki, ĉar utiligante mian ĉeeston en la apuda urbo mi volis fari tiun viziton. Ili tuj telefonis al Nagasaki. Jam estis organizita mia vojaĝo. S-ro Dogsuren pro sia laciĝo ne volis tiun vojaĝon.

Tiun nokton ni pasigis ĉe s-ino JOŜIMURA Kjooko. Kaj matene ŝi mem kun s-ro Nakamura min akompanis ĝis la stacidomo de Tosu.

08-22 Ankaŭ pri Nagasaki mi multe legis kaj multe sciis. Kaj estante en Japanio, sur la insulo Kjuŝuo ne viziti tiun urbon por mi estis ia nekonvena afero. Min renkontis s-ro HUKAHORI Joŝihumi (pensiulo-matematikisto). Malgraŭ sia maljuna aĝo (ĉ. 70-jara) li aspektis tre vigla kaj lerta kun ĉiam afabla rideto. Ankaŭ li estis tre kompleza kiel ĉiuj aliaj samlandanoj. Ekde h. 11:26 ĝis 14:52 ni sukcesis multon viziti, vidi kaj surbendigi. Ĉefe Centron de Atombombado, Pacparkon kaj kelkajn sanktejojn. Mi elkore dankas vin, s-ro Hukahori! Sanon kaj longan vivon al vi!

senco pripreciziĝi aŭ amendi la enhavon de ĉiu paragrafo efektive ilin praktikante. Kaj plie en Tampereo KAEM decidis, ke la Projektoj estu pridiskutataj en A.K. Do la ĉeestantoj libere interŝanĝis siajn opiniojn kiel unu paŝon por tio fare de la japana flanko.

5-2-1-1 Projekto A-1 estu amendita jene: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso.

5-2-1-2 Projekto B estu pli preciza rilate al la kondiĉoj por esti "kompetenta instruisto". Takeuti prezentis la sugestojn de d-ro LEE Chongyeon senditajn al li, kiuj temas pri la agadplano de KAEM. La doktoro skribas en ĝi, ke Nepalo kaj Taĝikio estas pretaj gastigi volontulajn instruistojn senpage kaj ke ankaŭ Vjetnamio, Indonezio, Malajzio, Pakistano estas konsiderindaj.

5-2-1-3 En la diskuto pri Projekto C, DOI Hirokaz prezentis la nombron de aligitaj membroj (75 en '94, kaj 78 en '95). "Esperanto en Azio" (n-ro 20) publikigis anoncon varbi dezirantojn membriĝi laŭ la Projekto por '96. KAEM senkondiĉe akceptos ĉiujn aliĝ-dezirantojn, se ilia dokumento estos kompleta. Prizorgos SYOZI Keiko.

Cetere Takeuti atentigis utiligi krom la Projekto ankaŭ reton de internaciaj ĝemelaj rilatoj de Esperanto-grupoj efektive funkciantaj. En Japanio estas lokaj Esperanto-organizaĵoj, kiuj havas ĝemelan rilaton kun la grupoj de la evoluantaj landoj kaj plie efektive helpas la lastajn aligi siajn membrojn al UEA je la pago de la japana flanko. Tiu rimedo estas valida ankaŭ por A.K. Takeuti konsideras skribi pri tio en Esperanto-gazetoj enlandaj.

5-2-1-4 Projekto Ĉ-1 havas certajn spertojn kun problemoj levitaj dum la praktikado. Isino diris, ke pli preciza estu la celo de la studvojaĝo. Laŭ la opinio de Syôzi indas studi pri la ebleco, ke JEI akceptos en la oficejo volontulajn laborantojn el aziaj landoj same kiel en C.O. de UEA. DOI Ĉieko diris, ke la sinteno de japanaj burokratoj ĉiam faras malfacilon pri la vizoproblemo tiel ke ankaŭ ĉifoje la azia karavano maltrafis la signifan eventon, la Japanan Kongreson. Ŝi ankaŭ diris, ke tamen se oni ne celas nepre partopreni eventojn, la afero estos pli facila. La ĉeestantoj konstatis pri la bezono starigi ian kriterion por elekti la plej taŭgajn personojn al la vojaĝo. Cetere Syôzi diri, ke, se temas pri Japanio, plej bone estas akcepti unu (maksimume du) studvojaĝanto(j)n en jaro konsidere al la reala stato de japana Esperantujo.

5-2-1-5 Projekto Ĉ-2 estu forstrekita

5-2-1-6 D-1 ankaŭ entenas problemojn. Se temas pri enkonduka lernolibro, estas dezirinde ke ĝi estu skribita nacilingve (iu uzbeko proponis eldoni ruslingvan Esperanto-lernolibron en Japanio). Kaj cetere lernolibroj ne necesas esti ĉiam luksaj sed eblas eldoni ilin en modesta formo. Kredeble estas sensence eldoni ilin laŭ la Projekto en la oficialaj lingvoj de UNO (inkluzive de la ĉina lingvo).

Takeuti informos la membrojn de KAEM pri la supre menciitaj opinioj por la plua diskuto en ĝia venonta oficiala kunsido, kiu tre probable okazos en decembro.

### 5-3 "Esperanto en Azio"

La titolo de la bulteno estu "Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado", kvankam KAEM decidis en Tampereo nomi ĝin "Oficiala bulteno de la komisiono de UEA pri la Azia Esperanto-Movado", ĉar ĝi reprezentas ne nur la Komisionon sed UEA mem rilatas al ĝia azia agado.

Kiel la eldonanto aperu la nomo de KAEM en la fronta paĝo, kaj ankaŭ la nomoj de ĝiaj oficialaj membroj en aparta kolumno de alia paĝo por ke ili estu konsciaj pri sia komuna respondeco al la bulteno.

### 5-4 Azia Karavano

Solviĝis la viza problemo pri Firdaŭs ŜUKUROV, taĝika instruisto kaj unu el la kvar membroj de la karavano. Li do alvenos Japanion la 17an de novembro kaj restos ĝis la 28a. Leviĝis opinio, ke estas necese diskuti ankaŭ pri la problemoj, kiuj povas okazi ĉe unuopaj vizitantoj sen partopreno en celita evento. Se tiaj vizitoj okazos sen antaŭpreparo por ilin akcepti en lokaj grupoj, la efiko de la vojaĝo esots malpli granda ambaŭflanke.

### 5-5 "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio"

La ĉeestantoj unuanime opiniis, ke ĝi estas vere atendata libro kaj indas disvastigi en Esperantujo de tuta Azio kaj de la mondo. Ili ankaŭ dankis kaj laŭdis la kompilanton DOI Ĉieko pri ŝia penado, kiu ebligis la eldonon de la libro en la ĝusta tempo. Tamen leviĝis ankaŭ la demando, kial ĝi eldoniĝis ne en la nomo de UEA sed de privata librejo Mevo-Libroj, se ĝia eldono estis planita laŭ la projekto de UEA. DOI Ĉieko klarigis la procezon de la afero, ke ŝi tiel proponis al d-ro SO Gilsu, kaj ke tamen ili facile ne atingis konsenton inter si ĉefe pri la financo, dum alproksimiĝis la Japana Kongreso, kiu elektis la libron kiel memoraĵon. Konsiderante ke la libro estas tre taŭga gvidilo nuntempe por la Azia Esperanto-Movado kaj ke ĝi eldoniĝis laŭ la ideo de d-ro So, tiama estrarano de UEA, kiu komisiis la aferon al DOI Ĉieko, la ĉeestantoj aprobis distribui ĝin al ĉefaj Esperantaj organizaĵoj kaj aktivaj individuoj en Azio je la kosto de Azia Fondaĵo de UEA. Necesas pli da vigla komunikado kaj laŭeble anticipa konsento inter la koncernatoj, kiam oni ion planas estonte, jen estas opinioj de la ĉeestantoj.

### 5-6 la sekvanta kunsido

Pri la dato de la sekvanta kunsido el ĉi tiuj membroj ne estas decidite, tamen la ĉeestantoj opiniis ke la kunsido okazu 2-4 foje en jaro.

*Protokolis TAKEUTI Yosikazu*

# 6. raporto pri la Azia Karavano en 1994

*Gafur MIRZABAJEV el Uzbekio*

*(red.: Kvankam li sendis manuskripton lastjare, ĝi ne atingis nin, kaj nun ni*

*enmanigis la lian, nur parte, pere de s-ro Takeuĉi.)*

### 6.1 Koreio

Printempe de la jaro 1994 ricevinte invitleteron por la UK de s-ro SO Gilsu mi estis tre ĝoja. Ĉar partopreni en UK estis mia revo ekde mia esperantistiĝo (1991).

Jen, mi estas en Seulo. Kiam mi alvenis kongresejon mi tuj trovis miajn koreajn samideanojn, kiuj veturigis min al la hotelo kaj helpis solvi miajn problemojn.

Partopreni en tia granda por ĉiuj esperantistoj aranĝo estis por mi "grandega festo". Dum la UK mi renkontis multajn miajn korespondamikojn kaj trovis multajn novajn Esperanto-amikojn. Legi kaj aŭdi pri Esperanto estas alia afero, sed vidi ĉion propraokule estas tute alia.

Jes, mi vidis nian grandskalan movadon en Seulo dum la UK kaj ILEI-Konferenco. Ĉio estis organizita bonorde. Mi estis ege inspirita. Ricevinte riĉajn informojn pri la agado en multaj landoj en diversaj Esperanto-retoj ankaŭ mi mem havis eblecon dum unu kaj duona horo en aparta halo informi pri nia movado ne nur en Uzbekio sed en la tuta Meza Azio, ĉar mi estis sola reprezentanto de la Mez-Aziaj Respublikoj.

Danke al la organizantoj mi ĉeestis en Ĉe-seminario kune kun aliaj membroj de Azia Karavano.

Ankaŭ pri la 28a ILEI-Konferenco mi volas diri miajn dankvortojn. Ni ĉiuj partoprenintoj pasigis tempon kiel en unu granda familio, ĉiuj kiel en sia propra hejmo. Nenie ni sentis nin en alia fremda lando. Por mi estis granda plezuro interrilati kun ĉiuj kaj aŭskulti prelegojn en Esperanto. Jes, vere mi estis en granda ESPERANTUJO danke al miaj bonkoraj samideanoj el Koreio kaj Japanio.

En Kangnam Universitato mi proponis ideon okazigi similan kongreson kaj konferencon en mia lando kaj gastigi Esperanto-amikojn. Mi neniam rajtas forgesi gastemecon, konplezemecon, zorgemecon kaj aliajn afablajn ecojn de la korea popolo. Ŝajnis al mi, ke estante en granda, bela kaj fabela urbo - Seulo - inter bonkoraj homoj, mi iĝis tute alia homo.

Ĝis mia lasta tago en Seulo s-ro SO Gilsu estis kun mi. Li estis malavara pri sia valora tempo por siaj amikoj ekde frumateno ĝis la tardnokto. Li mem akompanis min ĝis la stacidomo, ĉar ni kune estis en Seulo por ricevi vizon al Japanio kaj biletojn por aliaj karavananoj. (Pro tio mi ne povis ricevi atestilon de ILEI). Aliaj karavananoj estis forveturintaj buse al la urbo Taejon.

Por mi estis malfacile adiaŭi s-ron SO Gilsu, sed mi devis veturi plu. Min atendis aliaj miaj samideanoj. Mi sincere ĉirkaŭbrakis kaj kore dankis je la nomoj de ĉiuj karavananoj la rimarkindan homon, farintan multon por mi, kaj por aliaj memboj de la karavano. Ĝis revido, mia kara frato! Ĝis revido, kara por mi urbo - Seulo!

Tiun tagon (08-05) vespere mi atingis la urbon Taejon, kie mi retrovis miajn

kunvojaĝantojn. Sekvintan tagon ni kun esperantistoj en Taejon vizitis Popĉiŝan-Templon. Vespere dum nia kunveno ni interŝanĝis opiniojn pri nia movado. Ni interesiĝis pri Esperanto-movado en Taejon. Tie troviĝas malmulte da esperantistoj sed la movado estis en ordo.

Sekvintan tagon ni vizitis Taejon-an Internacian Ekspozicion. Ĝi estas vastkampa, mirindega kaj riĉenhava por ĉiuj, kun diversaj spektaĵoj kaj ludoj. Sed ni ne havis sufiĉan tempon (bedaŭrinde!).

Posttagmeze ni adiaŭinte niajn karajn amikojn forveturis al la urbo Kwangju. En tiu belnatura urbo ni krom lokaj esperantistoj havis renkontiĝon ankaŭ kun esperantistoj el Germanio, Danlando, Belgio ktp. Estis ĝojega nia nokta konversacio sur la urba placeto. Du noktojn ni pasigis ĉe la gastema familio de la sperta esperantisto-pastoro KIM Kwangche. Dum niaj ripoztempoj pere de muzik-akompanado de lia afabla edzino ni kune kantis Esperantajn kantojn. Tage ni ĉiuj faris ekskurson al la montaro. Kaj vespere denove ni amuziĝis ĉe la Esperanto-rondo en la domo de s-ro KIM Kwangche. Denove rakontoj, kantoj...

08-09 Matene ni forveturis al Taegu, perbuse. Ni vidis kelkajn antikvajn templojn, naciajn muzeojn kaj observatorion.

08-10 En la urbo Pohang estis memorinda nia vizito al la "KLINIKO LA ESPERO" de d-ro BAG Hŭaĝong. Vespere s-ro Bag kun siaj familianoj nin ĉiujn invitis al la marbordo, kie ni ankaŭ kun la aliaj lokaj esperantistoj spektis noktan maron.

08-11 Posttagmeze ni atingis la urbon Pusan - unu el grandaj urboj en Koreio. En la hejmo de s-ino Choi estis nia lasta nokto en Koreio. Ni kvar karavananoj kaj niaj koreaj gastigantoj adiaŭis.

08-12 Je la 18:00 de la haveno de la urbo Pusan ni kvar karavananoj, s-roj Dogsuren el Mongolio, Chhim Sokha el Kamboĝo, Mukunda Raj Pathik el Nepalo kaj mi fornavigis al la urbo Ŝimonoseki de la senpacience atendata lando JAPANIO.

Niaj impresoj pri belega lando -Koreio kaj pri la Esperanto-movado: Mi ravis estinte unuan fojon en la lando revita por mi ekde mia infaneco. Ĝia spirhaltiga naturo - montaroj, riveroj, verdaj vilaĝoj, arbaroj, grandaj kaj vastegaj urboj kaj iliaj ĉielskrapantoj, nacistilaj domoj kaj dometoj, antikvaj kaj modernaj temploj, naciaj muzeoj, interesaj moroj, kutimoj de la popolo kaj certe pompaj, luksaj regaloj de gastigantoj.

Forveturinte el mia lando al tiu admirinda lando mi tute ne pensis, ke mi trovos en Koreio tiom multe da esperantistoj. Min mirigis precipe junuloj, ilia strebo, ardo, interesiĝo, volo por lerni nian favoratan lingvon. Kaj samptempe certe min ĝojigis senĉesa laŭdinda laborego de maljunaj esperantistoj-gvidantoj-estroj por la gejunuloj.

Sukceson kaj koran dankon al vi ĉiuj miaj karaj!

## 4 Kunsido de azianoj en la oficejo de Korea Esperanto-Asocio

tempo: 1995-10-30, vespere

ĉeestantoj: DOI Hirokaz, DOI Ĉieko, YAMAMOTO Sin'tarô el Japanio, Puramo CHONG, CHOE Taesok el Koreio, WEI Yuanshu el Ĉinio, Mukunda Raj Pathik el Nepalo, Mian Salam Shany el Pakistano, Dinh Van Van el Vjetnamio

Oni ne nomos ĝin la oficiala kunsido, ĉar en ĝi ne partoprenis aliaj KAEM-anoj, sed la diskutitaj temoj estas gravaj, kaj do por la konsidero pri la azia movado ni protokolas.

DOI Ĉieko: KAEM devas okupiĝi pri la afero: Kiel partoprenigi multajn esperantistojn el aziaj nepagipovaj landoj en la Azia Kongreso en Ŝanhajo. KAEM devos oficiale demandi al UEA, ĉu UEA povos permesi al KAEM uzi Azian Fondaĵon por partoprenigi aziajn aktivulojn al la kongreso.

CHOE Taesok: Preparkomitato de la Azia Kongreso anoncu kiel eble plej frue la tarifon de restadkosto, por ke landaj asocioj varbu pli multajn aliĝantojn en la kongreso.

DOI Ĉieko: KAEM kaj LKK dividu la profiton de la kongreso, kaj tiel KAEM havu monon por la estonta laboro de la azia agado.

*Protokolis Puramo CHONG.*

## 5 Kunsido de japanaj KAEM-anoj kaj koncernatoj en la oficejo de JEI (Japana Esperanto-Instituto)

tempo: 1995-11-12, 12:00-14:20

ĉeestantoj: TAKEUTI Yosikazu, SYOZI Keiko, DOI Ĉieko, DOI Hirokaz, ISINO Yosio

***5-1. Preparado de la Azia Kongreso***

5-1-1 Informado

5-1-1-1 Doi jam ekspedis n-ron 20 de "Esperanto en Azio" kun raporto de KAEM, kiu enhavas bazan informon pri A.K. Eldonkvanto estas 870.

5-1-1-2 Dum la kuranta jaro eldoniĝos n-ro 21 kun plidetalaj informoj kaj aliĝilo.

5-1-1-3 Necesas rapide decidi la koston por loĝejoj, ekskursoj kaj ceteraj bezonaĵoj krom aliĝkosto, pri kio Takeuti tuj skribe petos de LKK.

5-1-1-4 La periodoj de aliĝoj estu konsiderataj laŭ la dato de akcepto de aliĝiloj ĉe la landaj asocioj aŭ perantoj sed ne laŭ la efektiva atingo de pagita kotizo al LKK. Ankaŭ pri tio negocos Takeuti.

5-1-1-5 Saldo de la kongresa kaso. En la okazo se aperos profito ĉe la saldo, oni

dividu duonige tiel ke la unua duono apartenu al LKK kaj la alia al KAEM. En ĉiu oficiala kunsido de KAEM japanaj kaj koreaj membroj vetuas al Ĉinio per sia propra kosto sen ajna financa helpo. Do estas ege konsiderinde ke KAEM subvenciu al ili almenaŭ parton de iliaj elspezoj en la okazo se profitos la kongresa kaso. Japanaj membroj proponos tion en la venonta oficiala kunsido.

***5-1-2 Akcelado de aliĝoj***

5-1-2-1 Enlande la kunsidoj de Zamenhofa Festo estas bona ŝanco por instigo al la aliĝo. KLEG decidis akcepti la aliĝkotizon en sia oficejo kaj ankaŭ denove disdoni aliĝilojn en ĉiu kunsido de Zamenhofa Festo en Kansajo. Simila aktivado estu peteta al ĉefaj enlandaj organizoj kaj individuaj aktivuloj. Takeuti skribos mesaĝon, kaj JEI ĝin multobligos kaj dissendos.

5-1-2-2 Por ke unu persono el ĉiu 'nepagipova lando' de Azio partoprenu en A.K., estas konsiderinde elspezi necesan sumon el Azia Fondaĵo. Cetere diskutinda estas senpaga aligo de individuaj aktivuloj, kiuj povas proprakoste veturi al Ŝanhajo kaj resti tie prenante sur sin pozitivan rolon en kongresaj aranĝoj (Temas pri samideanoj el la evoluantaj landoj). La ĉeestantoj interkonsentis pridiskuti tion en la venonta oficiala kunsido. Estas pli bone, ke LKK anticipe montros kalkulon de la bezonata sumo por tion efektivigi.

***5-1-3 Kongresaj programeroj***

5-1-3-1 Estas necese aranĝi grandiozan kunsidon, kie ĉeestantoj el ĉiu azia lando serioze interŝanĝu siajn opiniojn kaj spertojn. Kvankam tie oni ne decidos ion, konstante okazigi tian malfermitan diskuton estos ege utile por starigi ĝustan agadprojekton de KAEM por la sekvontaj tri jaroj.

5-1-3-2 Dum la sesio de A.K., tri kunsidoj pri azia agado estas bezonataj. 1) Fermita kunsido de KAEM. 2) Kunsido de reprezentantoj de landaj asocioj aŭ, se temas pri la landoj kie ankoraŭ ne ekzistas L.A., de efektive funkciantaj organizaĵoj. 3) Malfermita publika kunsido.

5-1-3-3 Rilate al la eventualaj kongresaj aliĝontoj, kiuj povas iniciati en programeroj, la ĉeestantoj rekonfirmis la protokolon de la kunsido en la okt. en Jokohamo, kaj decidis klopodi plu por ilin konvinki.

***5-1-4 Venonta kunsido de KAEM + LKK***

Doi diris, ke Puramo CHONG sintenis pozitiva pri tio. Do verŝajne ĝi okazos la 23-24an de dec. en Ŝanhajo, kvankam li ankoraŭ ne informis nin pri sia definitiva decido.

***5-2. Projektoj por Azia Movado***

***5-2-1 Sinteno de KAEM rilate al la Projektoj***

La ĉeestantoj konsentis ke la japanaj membroj proponos al la Komisiono akcepti la projektojn kiel bazan principon por la azia agado. Kaj tamen ankaŭ necesas en pozitiva

Vespere mi ĝustatempe alvenis la urbon Hukuoka. Post la riĉenhava bankedo nokte ni en la urba parko ĉe la lageto havis neforgeseblan rondon, kie ni longe kantis kune, aŭdis kantojn per magnetfono, kun granda ĝojo interparolis kaj promenadis kune. Neniu el ni volis disiĝi. Sed la tempo urĝis kaj urĝis. Kiam ni interadiaŭis, jam estis profunda nokto.

08-23 Tagmeze s-ro NIÎŜIUMI Maki (gaja barbulo) nin atendis sur la kajo de la stacidomo de Kumamoto.

Ĝis nia kutima vespera renkontiĝo ni triope vizitis la Kastelon de Kumamoto. Posttagmeze okazis nia kurta renkontiĝo kun profesiaj pentristoj inter kiuj troviĝis nia samideanino. Vespere denove nia gaja, amuza interbabilado, kantado ktp. Nun mi sentas belan resonon de flutmelodio, kiun majstre ludis nia samideano. Mi penis rekompenci tiun plezuron per mia kantado.

(red.: al s-ro Gafur Mirzabajev! Ni ricevis vian manuskripton nur ĝis la 7a paĝo. Bv. sendi daŭrigon. Ni elkore atendas.)

## 7. Provizora raporto pri la Azia Karavano 2

Ĉiuj membroj de la karavano ne sukcesis veni ĝustatempe por partopreni en la 82a Japana Esperanto-Kongreso, kiu okazis en la 13a, 14a kaj 15a de oktobro. Tamen 2 el ili povis partopreni en la Korea Kongreso de Esperanto, kiu okazis en la 27a, 28a kaj 29a de oktobro.

### *7-1. Firdaŭs Ŝukurov el Taĝikio*

En la 26a (?) de oktobro li alvenis Koreion, partoprenis en la Korea Kongreso, kaj restis ĝis la 17a de novembro en Koreio. En la 17a de novembro li venis al Japanio.

17-20 en Jokohamo, 20-22 en Hiroŝimo, 22-25 en Kansajo (Kioto kaj Oosaka), 25-28 en Tokio, 28 forflugis denove al Koreio

En la 6a de decembro li flugis al Moskvo kaj poste al Taŝkento, kaj al Duŝanbe.

### *7-2. U. Zeiter Perera el Srilanko*

En la 25a (?) de oktobro li alvenis Koreion, partoprenis en la Korea Kongreso kaj restis en la lando ĝis la 8a de novembro. Li jam revenis sian hejmlandon. Sed li ne sukcesis ricevi vizon al Japanio.

### *7-3 Sok Samnang (Kamboĝo)*

Li ne povas ricevi vizon al Koreio, ĉar ne estas diplomatia rilato inter Koreio kaj Kamboĝo. Laŭ la plano li ricevu vizon al Koreio en Japanio, kaj tio estas tre facila.

Li jam havas permeson de la vizo en la Japana Ministerio por Eksterlandaj Aferoj. DOI Ĉieko sciigis tion al li, kaj li vizitis la japanan ambasadorejon en Pnompeno, sed oni

ne permesis doni al li vizon. Tio verŝajne okazas pro tio ke la kongreso jam finiĝis. Se ni rearanĝos lian itineron kaj celon viziti al Japanio, realiĝos lia vizito. Li deziras veni en februaro aŭ en marto. Li jam havas flugbileton.

### 7-4 Teng S Uban (Filipinoj)

Kvankam la japana ambasadorejo en Manilo kelkfoje diris al li ke li povos ricevi vizon al Japanio post kelkaj tagoj, li ne sukcesis. Li do reiris al sia insulo rezigninte. Li volas havi centron de Filipina Esperanto-Asocio kaj sendis la projekton pri tio. Tio estus tre bona afero por progresigi Esperanto-movadon en Filipinoj, sed tio estas tute aparta afero, kiu ne rilatas al la karavano. Se li deziras havi ĝin, li mem devas serĉi financan rimedon aŭ peti de iu helpon.

*raportis DOI Ĉieko*

## 8. Okazis

### 8-1 La 3a Ĉina Kongreso de Esperanto

De la 29a ĝis la 30a de septembro okazis la 3a Ĉina Kongreso de Esperanto kun pli ol 270 partoprenantoj el 26 provincoj. Dum la Kongreso oni elektis novan konstantan komitaton kaj naskiĝis nova estraro el TAN Xiuzhu (vicĝenerala redaktoro de EPĈ) rolanta kiel prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo, kaj ZOU Guoxiang rolanta kiel la ĝenerala sekretario de ĈEL.

Dum la Kongreso 9 personoj faris prelegojn laŭ la kongresa temo "Esperanto kaj Paco".

De la unua ĝis la 3a de oktobro oni plu kongresis sur ŝipo de la monturbo Chongqing al la urbo Wuhan de Hubei-a Provinco. Dum la spektado al la ambaŭflankaj pejzaĝoj de Tri Gorĝoj de Ynangzi-Rivero, la fakaj kunsidoj de junuloj, instruistoj, filatelistoj kaj fervojistoj laŭplane iris.

*raportis: WANG Jianbing/ Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio*

### 8-2 La 82a Japana Esperanto-Kongreso

Ĝi okazis de la 13a ĝis la 15a de oktobro en Jokohamo, sub la temo "Ni vojaĝu al la nova epoko". Aliĝis 530 gesamideanoj kaj reale partoprenis en ĝi 337 inkluzive de 19 alilandanoj el Ĉinio, Koreio, Germanio, Bulgario, Ĉeĥio, Danlando, Pakistano, Rumanio kaj Nepalo. Krom ili ĉeestis pli ol 10 alilandanoj loĝantaj en Japanio. En la 13a tago oni ekskursis kaj vespere havis Amikan Vesperon, en kiu iuj kantis, iuj dancis, prezentis paperdramon, ktp. En la 14a okazis fakkunsidoj, seminarioj, forumo pri Azia Agado,

inaŭguro, prelego kaj bankedo. En la inaŭguro salutis ĉeĥa ambasadoro en Japanio kaj interpretis lian saluton ĉeĥa samideano. En la 15a tago okazis ankoraŭ fakkunsidoj, seminarioj, Esperanto-kurso unutaga por urbanoj, agoro pri la japana Esperanto-movado kaj ferma soleno. Oni diris, ke la kongresejo estas hela kaj simila al tiu de la Tamperea UK. Venontjara Japana Kongreso okazos en Hiroŝimo en la 9a, 10a kaj 11a de aŭgusto. Petu detalon de:

*La Hirosima Komitato de la 83a Japana Esperanto-Kongreso, Hirosima-si, Minami-ku, Oogonzan-tyo 7-15, 734 Japanio, tel. kaj fakso: +81-82-286-2745*

*raportis DOI Ĉieko*

### *8-3 La 27a Korea Kongreso de Esperanto*

Ĝi okazis de la 27a, 28a kaj 29a de oktobro en Ikusan (antaŭe Iri). En ĝi partoprenis ĉ. 200 gesamideanoj, inkluzive de ĉ. 30 alilandanoj el Japanio, Ĉinio, Srilanko, Taĝikio, Vjetnamio, Pakistano, Sudafriko, Ĉeĥio kaj Nepalo. Laŭ la organizanto (Korea Esperanto-Asocio) la kongreso estas signifa je tri punktoj: 1. La Seula UK en 1994 estis sukcesa. 2. La asocio ricevis la Trofeon Fyne en la Tamperea UK pro la plej granda proporcia kresko de individuaj membroj de UEA en la lastaj du jaroj. 3. LEE Chongyeong estis elektita kiel nova prezidanto de UEA. En la 27a kaj la 28a tagoj oni ekskursis kaj la kongresa inaŭguro okazis vespere de la 28a tago. Okazis fakkunsidoj, seminarioj, simpozioj kaj ĝenerala kunsido de Korea Esperanto-Asocio, en kiu elektiĝis Puramo CHONG kiel ĝia nova prezidanto anstataŭ LEE Chongyeong.

*raportis DOI Ĉieko*

### *8-4 La 2a Esperanta Sciencteknika Simpozio de Zhejiang-Provinco*

Ĝi okazis sukcese en Putuo de la urbo Zhoushang ĉe la marborda urbo Ningbo, de la 13a ĝis la 16a de julio. Ĝia temo estis "Antaŭenpaŝu Esperanto-Apliko en sciencteknikо". Al ĝi aliĝis 32 esperantistoj kaj amantoj el Tianjin, Shanghai, Jiangshu, Henan, Guangxi-a Zhuang-nacieca Aŭtonoma Regiono kaj Zhejinag-Provinco. Ni ricevis sume 18 disertaĵojn. 5 disertaĵoj el ili estis deklamitaj. Tiu ĉi simpozio estis vaste atentita kaj subtenita.

Pri la unua simpozio vi povas legi sur p. 3 en n-ro 16 de "EeA" (julio, 1994).

*raportis ZHU En/ Xichengxia 10-hao, CN-317000 Linhai, Zhejiang, Ĉinio. tel.: +86-576-588-8822*

## *9. diversaj raportoj*

### *9-1 D-ro Saionji en Tomsk (el "Aktuale, Eŭro-Azia" n-ro 60-61 en 1995-11-15)*

De la 20-a ĝis la 28-a de oktobro 1995 d-ro Masayuki SAIONJI gastis en Tomsk (Siberio). La aŭtoro de Yumeiho-terapio instruis sian kuracmetodon al 6 personoj kaj kuracis malsanulojn. Ĉ-Ŝĉebenjkov el Krasnojarsk (Siberio) ricevis diplomon de la 3-a grado. Aliaj 5 personoj ricevis diplomon de la 1-a grado. La rektoro de Siberia Medicina Universitato M. Medvedev kaj la direktoro de Centro de orienta medicino "Liabon" A. Li ricevis honorajn diplomojn pro disvastigo de Yumeiho. 2 personoj el 5 tomskaj lernantoj (same kiel V. Ŝĉebenjkov) estas esperantistoj: Oksana Kubareva kaj Viktor Obrazcov.

D-ro Saionji renkontiĝis kun lokaj ĵurnalistoj en la gazetara konferenco. Lokaj amaskomunikiloj bone informis pri liaj vizito kaj laboro: estis tutregiona radioelsendo, elsendoj en 2 regionaj tv-programoj, informo kaj granda artikolo en regiona tagĵurnalo "Tomskij Vestnik"... Loka studio de dokumentaj filmoj faris filmon.

D-ro Saioniji prelegis pri Yumeiho en la ĉefa aŭlo de la universitato por ĝiaj instruistoj, studentoj, urbaj kuracistoj kaj ĉiuj interesiĝantoj. La prelego vekis grandan intereson en la urbo: La aŭlo estis plenplena.

Rektoro M. Medvedev aranĝis solenan akcepton por d-ro Saionji. D-ro Saionoji vizitis faman Anatomian Muzeon de Siberia Medicina Universitato. Ĝi estas unu el la plej bonaj anatomiaj muzeoj en eks-Sovetio. Li vizitis ankaŭ Siberian Botanikan Ĝardenon, kiu estas la plej bona en la azia parto de eks-Sovetio. D-ro Saionji vizitis Tomskan Esperanto-Klubon, ekskursis en kaj ekster la urbo.

Fine de la vizito estis subskribitaj kontraktoj pri intencoj en la kunlaboro inter d-ro Saionji (kiel la direktoro de Internacia Instituto de Preventa Medicina Praktiko) kaj Siberia Medicia Universitato, Centro de orienta mediciono "Liabon", Konsilio de Siberiaj Esperantistoj. Nun kreiĝas centroj de Yumeiho en la universitato kaj "Liabon". En tiuj centroj okazos kuracado per Yumeiho, instruado de Yumeiho, sciencaj esploroj pri efikoj de Yumeiho. V. Obrazcov jam verkis enketilon por kolekti statistikaĵojn pri la kuracataj malsanuloj. Nun en 25 landoj ĉ. 700 disĉiploj de d-ro Saionji praktikas Yumeihon. Ili ĉiuj invitatas kunlabori. Ili petu la enketilon ĉe nia redakcia adreso: "AKTUALE eŭro-azia", PO Box 2000, Tomsk, RU-634063, Rusio (bv kunsendi internacian respondkuponon). Kaj oni sendu la plenigitajn enketilojn al la sama adreso aŭ al la faksa adreso: Yumeiho-centro, Siberia Medicina Universitato, +7-3822-233309. En proksimaj jaroj planatas internaciaj konferencoj pri Yumeiho en Tomsk.

Tuta duonmiliona urbo Tomsk sciis pri la vizito de d-ro Saionji. Estis multaj dezirantoj kuraciĝi ĉe li kaj ĉe liaj disĉiploj. Sed ne eblis akcepti ĉiujn. Tio estis bona própagando ankaŭ por Esperanto. Multaj homoj diris, ke ili vidas la unuan fojon, ke per Esperanto oni faras ion utilan. Multaj homoj interesiĝis, kie eblas lerni Esperanton.

D-ro Saionji venos al Tomsk komence de junio 1996. Invitatas liaj disĉiploj por ekzameniĝi kaj diplomiĝi, dezirantoj por lerni Yumeihon.

*Vladimir Minin (Tomsk, Siberio)*

## 9-2 Vizito al Xinjiang en Ĉinio

*Shabbir Ahmad (Pakistano)*

Pakistana Esperanto-Asocio selektis min por partopreni en la 3-a Ĉina Esperanto-Kongreso. En la 23a de septembro nokte mi atingis al Jhelum por renkonti esperantistojn de Jhelum Esperanto-Klubo. En la 24a matene samideanoj de la klubo s-ro Jamil Akhtar (Redaktoro de "Facila Esperanto" kaj ĝenerala sekretario de J.E.K.), s-ro Altaf Gohar Khan (subsekretario de PakEsA), s-ro Javad Iatifv Butt kaj s-ro Mian Abdul Salam Ŝani (eksprezidanto de PakEsA nun laboranta kaj loĝanta en Japanio) iris kun mi ĝis Islamabad-Flughaveno por adiaŭi min. Mia aeroplano ekflugis je la 11a horo kaj atingis al Urumqi je 2:30 laŭ la horo de Ŝinĝa horo. Post tio mi telefonis al s-ro Liu Ŝiaŭ-Ĝe (Liu Xiazhe), kiu estas faka delegito de UEA pri komerco kaj turismo en Urumqi. Unu horon poste li aperis. Li estis tre ĝoja renkonti min. Mi parolis al li pri mia intenco partopreni en la Ĉina Kongreso. Li rekomendis al mi ripozi en la tago, kaj promesis telefoni al Ĉina Esperanto-Ligo pri mia plano.

En la 25a tago s-ro Liu denove venis al mi kaj diris, ke la kongreso estas ne oportuna por alilandaj esperantistoj, ĉar la kongreso okazos en milita kampo. Laŭ ĉina leĝo alilandanoj ne povas eniri en militan kampon. Mi ŝanĝis mian planon kaj decidis viziti la regionon de Xinjiang kaj renkonti geesperantistojn de Xinjiang-a Esperanta Asocio. En tiu tago mi diskutis kun li pri Esperanto-movado. Li estas vic-ĝenerala sekretario de X.E.A. Laŭ li Ĉinio havas 3 municipojn, kvin aŭtonomajn regionojn kaj 26 provincojn. En la ŝtato ili estas egalaj, sed la aŭtonomaj regionoj havas pli grandajn rajtojn. Ekzemple ili povas ellabori leĝojn en iuj flankoj. Xinjiang Ujgura Aŭtonoma Regiono estas unu el ili. Xinjiang estas la plej granda provinco en Ĉinio laŭ la areo. Ĝi okupas sesonon de la tutlanda areo. Oni fondis la aŭtonoman regionon en 1955. La oficialaj lingvoj de Xinjiang estas ujgura kaj hana (ĉina) lingvoj. Sed la fakto estas ke en la norda Xinjiang ĉiuj povas paroli la hanan lingvon kaj en la suda Xinjiang preskaŭ ĉiuj povas paroli la ujguran lingvon. En Xinjiang estas ĉefe 13 nacioj: ujguranoj, hanoj (ĉinoj), kazakoj, khujoj, rusoj, mongoloj, ŝiboj, uzbekoj ktp. Urumqi havas 1,500,000 loĝantojn. En la mongola lingvo, Urumqi signifas belan paŝtejon kaj Xinjiang signifas novan landon.

En la 26a tago mi kaj s-ro Liu iris al la urbo Changji (Ĉanĝi) de Xinjiang Aŭtonoma Regiono. Kiam mi atingis la urbon, mi vidis ke s-ino Yu Lixin, s-ro Lu Weijiang, s-ro Yu Guocheng, s-ro Niu Shinjun, s-ino Ma Lijuan, s-ino Zeng Xiufeng, prof. Zhao Zhongqin kaj aliaj esperantistoj en Changji staris kaj atendis min ekster la oficejo de Ĉanĝi-a Esperanto-Asocio (Ĉ.E.A.). Ni sidis en la oficejo kaj poste iris al hotelo por tagmanĝo. Tie ni diskutis pri Esperanto-movado en Pakistano kaj Ĉinio. Ili demandis min pri multaj aferoj rilate al la Esperanto-movado en Pakistano kaj pri historio, kulturo, civilizacio kaj literaturo. Mi respondis: Pakistana Esperanto-Asocio havas 7 lokajn grupojn en 7 urboj: Lahore, Multan, Gujranwala, Jhelum, Rawalpindi, Islamabad kaj Murree. Ankaŭ mi

demandis pri multaj aferoj. Ĉanĝi estas nova urbo kaj ĉi tie estas grandaj kaj altaj konstruaĵoj. Pli ol 36 geesperantistoj estas ĉi tie. Multaj estas doktoroj kaj spertaj je medicio. Ili havas monatan kunsidon regule. Okazas ankaŭ jara kunveno. Mi proponis kunlaboron inter X.E.A kaj PakEsA por progresigo de Esperanto-movado en Pakistano kaj Ĉinio, ekzemple libroservo kaj turisma programo ktp. Ili akceptis miajn proponojn. Ili akompanis min por viziti la urbon Ĉanĝi. Vespere mi kaj s-ro Liu revenis al Urumqi.

En la 27a tago mi komencis Esperantan kurson en Khaĉu-hotelo en Urumqi. Du pakistanaj komercistoj komencis lerni Esperanton. Mi instruis ilin ĝis la 30a de septembro regule. Ili lernis bazon de la lingvo.

En la 28a tago, mi vizitis vendejojn en Urumqi.

En la 29a tago geesperantistoj en Urumqi, s-ro Bao Yinhe, s-ino Jang Ĉian kaj aliaj venis por renkonti min.

En la 30a tago s-ro Liu aranĝis por mi kunsidon kun s-ro Gang Fengsheng, prezidanto de X.E.A. en hotelo. S-ro Liu kaj s-ino Jang Ĉian ankaŭ estis ĉi tie. S-ro Gang Fengsheng proponis min tagmanĝi. Li tre ĝojis pro mia vizito al Xinjiang kaj diris, ke la Esperanto-movado tie plivigliĝos. X.E.A. havas pli ol 100 membrojn kaj havas lokajn grupojn en la urboj Ĉanĝi, Korla, Shihezi, Akesu kaj Hami. En Xinjiang multaj personoj havas religiojn de Islamo kaj Kristanismo. X.E.A. fondiĝis en 1984 kaj havas diversajn fakojn: Edukado, turismo kaj komerco. Eduka fako aranĝas Esperantajn kursojn, komerca fako fondis unu komercan kompanion: Ŝinĝa Urumli Verda Kompanio. La kompanio komercas diversajn objektojn. Post la kunsido vespere ili enbusigis min por iri al la urbo Kaŝgar.

En la 2a de oktobro matene mi atingis al Kaŝgar. En la 3a kaj 4a mi turismis en la urbo Kaŝgar, kiu estas historia malnova kaj tre bela urbo. En la 5a de oktobro mi iris al la urbo Kaŝtargan, kaj unu tagon mi restis tie. En la 6a mi revenis al Pakistano.

*Ŝhabbir Ahmad, vicprezidanto de PakEsA, prezidanto de Lahore Esperanto-Grupo/ 223-Huma Block, Allama Iqbal Town, Lahore, Pakistano*

**•Parolas la redaktantoj:** Restas nur semajno en tiu ĉi jaro, sed tiu ĉi numero estas ankoraŭ la 3-a en la jaro, kvankam ni intencis eldoni 4 numerojn jare. Ankoraŭ multe da raportindaj aferoj, informoj kaj leteroj de legantoj restas ĉe ni. Ni klopodos eldoni la 4-an numeron de la jaro 1995, se la tempo permesos. Vi rimarkas, ke enhavo de la bulteno ŝanĝiĝis. Ĝi fariĝis iomete oficaleca, kaj do mankas intimeco. Ĉu necesas aperigi ĉiujn protokolojn, ni ne scias. Ni atendas vian opinion pri nia EeA. (1995-12-25)